# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto: H. Hodler.†**

**Redaktoro Provizora:**
**M. Movo (M. Wittenberg)**

**Redakcio: 1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**

**ENHAVO:**



**32-a Jaro N° 429**

**MAJO 1936**

# EN HINDUJO

*La urbo Benares kun siaj temploj kaj palacoj apud la rivero Gango en la lando de mirakloj, en Hindujo. Ĉiujare miloj kaj miloj da piaj hindoj pilgrimas tien por oferdonaci en la temploj post bano en la sanktaj akvoj de Gango.*



# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svisl.

## Oficiala Informilo

28-a Administra Jaro 1935/36
N-ro 7 — Majo 1936

*Voĉdono de delegitoj.*

Voĉdoniloj por la voĉdono pri la ŝanĝo de § 5 de la Statuto de UEA estos dissenditaj la 20-an de majo. Al malproksimaj landoj ili estos senditaj per aviadilo. La kontrolo de la voĉdono okazos en la C.O. en Ĝenevo la 4 de julio. Estas morala devo de ĉiu delegito partopreni la baloton (Pri klarigoj vidu la leteron de la Prezidanto sur paĝo 3).

*Naciaj Kongresoj.*

Dum Pentekosto en multaj landoj okazas naciaj Esperanto-Kongresoj. La Centra Oficejo sendas al la Kongresanoj siajn salutojn kaj bondeziras al ili feliĉan tempopasigon kaj fruktodonan laboron.

*Propaganda materialo.*

Por plifaciligi la propagandan laboron de la landaj asocioj kaj lokaj grupoj, ni estas pretaj disponigi al ili senpage, kontraŭ pago de la sendkostoj, nian provizon de diverslandaj gvidfolioj, flugfolioj, esperantaj gazetoj, malnovaj ekzempleroj de « Esperanto » ktp. Tiuj, kiuj deziras profiti la okazon, bonvolu informi la C.O., aldonante la afrankon.

*Funkciado de la C.O.*

La C. O. normale funkcias, regule plenumante ĉiujn kutimajn laborojn. La nova direktoro, s-ro Goldsmith, venis Ĝenevon por rekte gvidi UEA.

*Jarlibro 1936.*

La Jarlibro estas jam kompostita. Ĝi estos dissendita dum junio.

*Dankesprimo.*

Forlasante la oficon de provizora direktoro, mi esprimas mian sinceran koran dankon al ĉiuj, kiuj per konfido subtenis min kaj per kunlaboro helpis al mi plenumi en tre malfacilaj kondiĉoj la respondecan taskon.

15 majo 1936.

M. Movo (M. Wittenberg),
*Provizora Direktoro.*

**Grava sciigo**

*vidu paĝon 9*

Al ĉi-tiu numero de « Esperanto » estas aldonita prospekto pri la belege presita kaj zorgeme bindita gvidlibro *« Romo kaj ĉirkaŭaĵoj »*.

### ADRESARO : NOVAJ LOKOJ KUN DELEGITOJ

**Argentino**

*Perez Millán* (F.C.C.C.). — Iberio M. Rodiguez, Komercisto, Fabrica de Refrescos.
*Villa Calzada*, F.C.S. — Paŭlo Doubek, Oficisto, Str. Altamira s/n.

**Aŭstrio**

*Krems.* — Franz Stanke, Cartenaug. 2.
*Linz. a.d.D.* — VD : S-ro J. Kugler, Dr. Holzknechtstr. 7.
*Schruns* 40 (Montafon) Vorarlbg. Autriche. — Hans Neyer.
*Vöcklamarkt.* — Josef Brenneis, Mörsving 9.

**Belgujo**

*Ghistel.* — F-ino M. Sanders, 11 Congolaan.
*Waterschei-Zwartberg.* — Mila Brunclí'k, Instruisto ĉeĥoslovaka, 59 Waterscheistraat.

**Britujo**

*Brighouse* (Yorks). — Archibald John Ashley, Presbitero en la Anglikana Eklezio S. John's Vicarage, 116 Huddersfield Road, Rastrick.
*Coventry.* — VD : S-ino W. E. Hailstone, Tile Hill Lane.
*Douglas* (Isle of Man). — D : Thomas Philip Fargher, Kontisto, « Greeba » Park Avenue.
*Dundee.* — D : John Paterson, Eksposiriisto, 31, Ancrum Drive.
*Londono.* W. 8. — VD : F.C.D. Haberfield, Sekretario, 5, Lexham Gardens, London, W.8.
*Portsmouth.* — M. Cowan, 40 Tudor Crescent, Cosham.
*Richmond* (Surrey). — James Gully Kiniburgh, Bank-Skribisto, Grafton Club, 89 Mount Ararat Rd.
*Scunthorpe.* — D : Cyril Jones, Komizo, 39, Redbourne Way. New Brumby.
*Southend-on-Sea.* — D : Arthur James Shaw, Instruisto, 6 Ramuz Drive, Westcliff on Sea.
VD : F-ino Gladys H. Moxon, Instruistino, 43 Sandleigh Rd. Leigh-on-Sea.
*Wallsend-on-Tyne.* — C. J. F. Kinge, « Brandwood », Weardale Avenue, Kings Road Estate.

**Ceĥoslovakio**

*Bakow nad Jizerou.* — VD :. Stanislav Procházka, frizisto.

**Danujo**

*Karise.* — Poul H. Andreassen, Terkulturisto, Alslev.

**Finlando**

*Somero.* — Joel Vilkki, Magistro.

**Francujo**

*Selestat* (Bas-Rhin). — Zimmermann, Inĝenioro, rue de Haydn, 3.
*Saint-Benoit* (Vienne). — René Lathus, Mekanikisto, Minoterie.

**Nederlando**

*Wassenaar.* — S-ino C. S. H. de Witt-Verhoof, Langstraat 92.

**Norvegujo**

*Stavanger.* — F-ino Margit Erichsen, Butlersgate 4.

**Svedujo**

*Kiruna C.* — G. M. Bengtsson, Fervojisto S.J.9.C.I.
*Slöinge.* — S-ro J. A. Nord.

**Usono**

*Logan* (Utah). — D. W. Pittmann, Agricultural College.
*San Diego.* — S-ino Alice Wicks-Weigall, Box 698, Route 2. *Escondido* (Cal.).

### EKSIĜOJ KAJ FORSTREKOJ

*Aŭstrio.* — Braunau a-Inn.
*Britujo.* — Cardiff (South Wales) : (VD); Epsom; Farnley Tyas; Gloucester; Jersey; Kingston-on-Thames (VD); London S.W.17. (VD Lightfoot); London N.10. (VD-Weston); London (FD. Komerco); Middlesbro; Motherwell; Stretford; Teddington, Middlesex.
*Ĉeĥoslovakio.* — Falkenau-Kittlitz.
*Francujo.* — Paris-9 (FD Stenografio).
*Germanujo.* — Auerbach Am Graben (VD); Bochum-Langendreer (VD); Düsseldorf-Oberkassel; Gifhorn; Rochlitz, Sa.
*Hispanujo.* — Cordoba.
*Litovio.* — Kazlu-Ruda; Palanga.

*(Vidu daŭrigon sur paĝo 4).*

# Al la Komitatanoj de U.E.A., al la Delegitoj de U.E.A.

Karaj Samideanoj,

Multaj el vi jam scias ke, antaŭ du monatoj, konsiderante la malfacilegan financan situacion de UEA, kiu malebligas plenumi la necesajn taskojn, kaj eĉ tre danĝerigas ĝian ekzistadon mem, la Komitato de UEA rekonis necesa translokigon de nia Centra Oficejo, sidejo de nia Asocio, en alian landon, kie la vivo estas pli malmultekosta, kaj elektis Londonon.

Aginte ekskluzive por la bono de UEA, la Komitato estis certa, ke ĝiaj decidoj estos akceptitaj kaj aprobitaj de la membraro. Tiu atendo ne praviĝis. Grupo de Svisaj Samideanoj, apogita de la Svisa Esperanto-Societo, kontraŭstaris tiun decidon, kaj sin turnis al ĝeneva tribunalo, plendante ke tiu decido ne estas konforma al la artikolo 5 de la statuto, laŭ kiu la Asocio sidas en Svislando. La tribunalo povis nur konstati, kaj provizore malpermesis materialajn transportojn eksterlanden. Kvankam ni jam estis pretaj por funkcii en Londono, tamen, por eviti malfacilaĵojn, disputojn kaj novajn elspezojn, ni decidis *voĉdonigi la Delegitojn*, kiuj rajtas ŝanĝi la statuton. Tiamaniere, se la plimulto de la Delegitaro aprobos la decidon de la Komitato — pri tio mi ne dubas, pro la ĉi-subaj klarigoj — ĉio estos en ordo. Restos nur sufiĉe grava tempoperdo kaj pligrandigo de niaj elspezoj pro pli longa restado en Ĝenevo.

En « Esperanto » (numero de marto 1936), mi klarigis la kialojn de la Komitata decido.

---

Post plurjara diskutado, UEA kaj la Landaj Asocioj subskribis en 1933 la Interkonsenton de Kolonjo, kiu celis unuigon de tiuj du partoj de nia movado. La tiama Prezidanto, s-ro Stettler, ellaboris novan statuton. Sed en Stockholm (1934), kie la nova Komitato faris sian unuan kunvenon, la Prezidanto eksiĝis pro malakordo pri decidoj de la Komitato.

Jam antaŭ tiu momento ni sciis, ke la financa situacio de UEA ne estas brila ; sed baldaŭ ni ekvidis, ke ĝi estas senespera, kaj ke UEA estis malaperonta post kelkaj monatoj, se ĝi ne volis bankroti.

S-ro Hodler, Sviso, kunfondinto kaj organizinto de UEA, mortinta en 1920, testamentis al UEA konsiderindan sumon (multe pli ol 100.000 sv. fr.), « por certigi la vivon de tiu Asocio ». Sed tiu sumo — el kiu oni devas depreni perdojn suferitajn pro malbona valuto en kelkaj landoj — utilis nur por ekvilibri la tro elspezemajn budĝetojn, precipe dum la lastaj jaroj. Ekzemple (raporto al la Estraro, Pasko 1934) la deficito 1933 atingis 20.000 svisajn frankojn, kaj la kapitalo devis sendi al la Oficejo 23.000 sv. fr., por ke la C. O. povu funkcii. En julio 1934 la antaŭvidita deficito (raporto al la Komitato, julio 1934) estis 19.000 sv. fr. Kaj la tiama Direktoro melankolie konkludis : « Se la enspezoj de la jaro 1935 ankaŭ nur atingos 40.000 sv. frk., tiam nature ni devos likvidi la Asocion ».

Kiam mi mem — malgraŭvole — akceptis la prezidantecon (aŭgusto 1934), la kaso estis malplena, la luprezo nepagita de kelkaj monatoj (la domposedanto minacis per laŭleĝaj persekutoj), kaj la kapitalo formanĝita, ĉar la resto de la kapitalo eĉ ne sufiĉis por pagi la ŝuldojn. Eĉ la sumoj pagitaj de la Dumvivaj Membroj estis grandparte formanĝitaj, kaj el la tuto de tiuj diversaj sumoj restis disponebla nur kelkmilo da frankoj. Se oni estus daŭriginta laŭ la ĝistiamaj metodoj, tiu eta disponaĵo estus daŭrinta kelkajn monatojn...

Tiu situacio estas oficiale konstatita de la nova Estraro, kiu kunvenis en Ĝenevo, en septembro 1934, por starigi precizan bilancon.

La problemo estis jena : Ne plu restas monrezervoj, la krizo daŭras senfine, la kotizoj malpligrandiĝis, kaj tamen ni devas vivi.

En 1935 la kotizoj ne atingis eĉ la ciferon 40.000 sv. fr., proklamitan nesufiĉa por eviti likvidon de nia Asocio, kaj tamen ni vivis sen deficito kaj sen kapitalo. Tiun rezultaton ni ŝuldas grandparte al s-ro Kreuz, la nova sola direktoro, kaj al lia grandega laboro. Lia morto estas grava bato.

Sed ni ne povas rekomenci ĉiujare. Ne nur ni ne povis antaŭenpuŝi la propagandon, sed ni devis fari eksterordinarajn ŝparojn (vidu la artikolon en « Esperanto »). Por diri vere, ni vegetis, kaj, ĉar diversaj ŝparoj ne povas ripetiĝi, ni ne plu povas daŭrigi en la nunaj kondiĉoj. La konkludo estas :

En Ĝenevo la vivelspezoj estas tre multekostaj. Ne havante monrezervojn, ni devas vivi en lando, kie pli malalta valuto igos la vivon ebla. La novelektita Direktoro, s-ro Goldsmith, tuj preparis budĝeton, el kiu rezultas, ke en Londono ni facile ekvilibros, se la enspezoj restos samaj, kaj al ni restos kelka mono por diversaj celoj. Eĉ en la nuna jaro 1936 — kies duonon ni jam travivis en Ĝenevo — ni estus ekvilibrintaj malgraŭ la transportelspezoj, se la protestoj ne estus devigintaj prokrasti la decidon de la Komitato. Ekzemple, salajro de Direktoro, samvalora surpapere, sed pagota en Britujo anstataŭ Svislando, prezentas ŝparon de 40%.

Oni disdiris, ke la svisa fondinto volis, ke UEA restu en Svislando : mi ne scias, mi ne diskutas. Li rajtis deziri tion, ĉar li lasis monon por certigi la vivon de la Asocio. Nun kiam tiu tuta mono malaperis — dum restado de la Asocio en Svislando — oni ne riproĉu, ke ni ne plu povas obei la deziron de tiu fondinto, kies memoron ni pie konservos.

Malgraŭ la malfacilaĵoj, UEA laboris. La jarlibro — vera jarlibro — aperos en junio, dank'al agemo de s-ro Goldsmith kaj poste ĝi aperos dum la unuaj monatoj de ĉiu jaro. Preparataj estas aliaj projektoj kaj reformoj, kiujn certe ŝatos la Esperantistoj, kaj kiuj donos, mi esperas, novan vivon al UEA.

Karaj Samideanoj, la estonteco de UEA kuŝas en viaj manoj. Mi proponas al vi ŝanĝon de la artikolo 5 de la statuto. *Laŭ la nuna artikolo, la sidejo de UEA troviĝas en Svislando. Laŭ la proponata artikolo, ĝi troviĝos en Britujo, konforme al la decido de la Komitato.*

Por publike montri, ke ni jam antaŭe submetiĝas al la voĉdonado de la Delegitoj, s-ro Goldsmith, la nova Direktoro, jam loĝas en Ĝenevo kaj el tiu urbo gvidas la movadon.

Se vi aprobos nian proponon, li plene organizos nian oficejon en Londono, kie ĉio estas jam preta.

Se vi malaprobos nian proponon kaj manifestos vian volon restadi en Svislando, tiam mi kliniĝos kaj eksiĝos, ĉar en tia demokrata lando, kia Esperantujo, la gvidanto devas resti en plena konsento kun la plimulto. Plie mi ne povus akcepti respondecon pri stato, kiun mi spertis dum pli ol unu jaro kaj ekkonis nedaŭrigebla. Alia Prezidanto serĉos aliajn rimedojn.

L. Bastien,
*Prezidanto.*

# La Internacia Cseh-Instituto de Esperanto

Cseh-metodo — Cseh-Instituto — jen konataj sonoj ! Multe laŭditaj, multe atakitaj, kiel ĉiu afero, kiu signifas ion.

Sed... oni ekkonas iun aferon laŭ ĝiaj fruktoj. Ni rigardu tiujn fruktojn kaj poste iom rakontos pri ilia naskiĝo.

1. La Esperanto-Domo en Arnhem, la internacia hejmo de la tutmonda Esperantistaro, donanta lokon al 50 samideanoj (vidu la bildon).

2. Bonege ekipita oficejo de la Instituto en Hago (vidu la bildon).

Tute ne konscia pri la fakto, ke li kreis novan instrumetodon, Andreo Cseh devis adapti sian instruon al la lernantoj, kiuj konsistis grandparte el laboristoj kaj krom tio apartenis al diversaj nacioj.

Kiel naskiĝinta pedagogo lia nura celo estis instrui tiel, ke la homoj ne forkuros antaŭ la fino de la kurso kaj ke ili efektive lernos paroli la lingvon.

La unua kondiĉo postulis, ke la kursanoj devas havi tian intereson dum la lecionoj, ke ili propravole kaj kun plezuro restas, la dua ke la lernantoj de la komenco uzas la lingvon, mem parolante. Tiel kreiĝis la Cseh-metodo. La granda sukceso de la unua kurso instigis al daŭrigo. Baldaŭ la Esperanta gazetaro povis raporti pri nekonataj sukcesoj, grandaj kursoj, granda entuziasmo ĝis la fino.



La Esperanto-Domo en Arnhem

3. Granda stabo de instruantoj laŭ Cseh-metodo en 21 landoj.

4. Viva entuziasmo de miloj da novaj Esperantistoj, ĉeestintaj la Cseh-kursojn.

Kiam pastro Cseh antaŭ 16 jaroj ricevis simplan inviton de la grupo en Hermanstad en Transilvanio doni Esperanto-kurson, neniu povis antaŭvidi, ke tiu kurso havos tiajn grandajn sekvojn por la tuta movado.

La celo de la Cseh-metodo ne estas tuj formi perfektajn Esperantistojn, sed allogi amasojn al la la lernado, entuziasmigi ilin kaj krei en ilia animo bazon al daŭra intereso kaj progreso.

En la printempo de 1930 fondiĝis la Internacia Cseh-Instituto de Esperanto. Kial Andreo Cseh kun kelkaj helpantoj prenis sur sin tiun novan taskon ? Ĉar ili vidis, ke io devos okazi por organizi tiun laboron, kiu vekis tian

(Daŭrigo. Vidu paĝon 2).

**SANĜOJ**

**anstataŭ la ĝisnuna delegito funkcias :**

**Britujo**

*Ashford* (Kent.). — A. G. Batt, Hillyfield Road 4.
*Bristol.* — D : John Turnbull, Instruisto, 82, Stokes Croft. VD : John Richard Evens, 22 St. Ladoc Road, Keynsham.
*Chester.* — D : Denis Williams, Desegnisto, 25, Sefton Road, Newton.
*Oxford.* — H. Messer, 16 Winchester Rd.
*Romford.* — D : William Jolley, Dentmekanikisto, 22, Granham Road.
*Southport.* — H. Ward, 146 Kew. Rd., Birkdale.
*Stoke on Trent.* — D : Wallis William, C.I.S. Agent. « Espero » Cleveland Road, Hanley.

**Nederlando**

*Groningen.* — S-ino L. de Vries-Kanning, W. de Withstraat 16 B.
*Schagen.* — K. Roggenveen, Librotenisto, Oude Slotstraat E. 51.
*Twisk* (Noord-Holland). — W. Höppner.

**Ĉeĥoslovakio**

*Reichenberg.* — VD : S-ino Hilde Linhart, Meissnerg. 4.

**Svedujo**

*Skara.* — (V. D.) Gustaf Nykvist, Tajloro, Järnvägsgatan 12.
*Uppsala.* — Ernst Brink, Tipografo, St. Göransgatan 31 B, III.

**Usono**

*Oakland* (Cal.). — *San Francisco.* — ĈD : Andrew Snider Vinzent, Bankisto, Advokato, 4323 Leach Ave.

## ONI DANKAS

*** S-ro Rafael Gisbert, el Barcelona, kore dankas S-ron Andrew Snider Vinzent en San Francisko (California) pro valora servo : havigo de informo pri sinteza radiumo eltrovita de S-ro Prof. E. O. Lawrence, el la Universitato de Berkeley (California).

eĥon en la movado. Kaj nun post 6 jaroj evidentiĝas, ke ili bone vidis. Duoblan celon havas la Instituto:

*a*) Eduki instruistojn, kiuj deziras instrui laŭ Cseh-metodo,

*b*) Disponigi Cseh-instruistojn al tiuj lokoj, kiuj deziras organizi Cseh-kursojn.

Rapide pliampleksiĝis la laboroj de la Instituto. Unue en unu ĉambro en la hejmo de Gesinjoroj Isbrücker, post 2 jaroj en propra domo kun 12 ĉambroj, ĝi fariĝis faktoro en la Esperanto-movado tutmonda kaj nederlanda. Ĝis nun



Oficejo de la Cseh-Instituto en Hago

aliĝis 414 Esperanto-instruantoj al la Instituto. Oni komprenas, ke tiuj instruistoj plejgrandparte instruas en propra lando apud sia taga profesia laboro. Sed jam pli ol 30 ge-instruistoj forlasis sian profesian laboron kaj tute dediĉas sin al la internacia instruado, ĉiam en diversaj landoj, kie ili vekas intereson jam pro sia fremda nacieco. Ĝuste tio estas unu el la principoj de la Cseh-metodo, ke la instruisto apartenas al alia nacio, kaj ke li prefere ne konas la lingvon de la lando, kie li instruas. Tiel de la komenco la lernantoj faras ĉiun klopodon povi paroli rekte kun la instruisto.

Post brila internacia kurso en Arnhem, en kiu partoprenis 200 instruistoj el 12 landoj, la intereso de la komunumestraro de Arnhem estis vekita. Kiam la Instituto serĉis lokon, kie la lernantoj de la multaj Cseh-kursoj kaj la aliaj Esperantistoj povos ĉiujare kunesti, ĝi turnis sin al la urbestraro de Arnhem kun la sekvo, ke la urbo disponigis grandan Domon en bela parko situita, por fondi tie veran internacian centron.

Kun grandaj streĉoj kaj zorgoj la direkcio de la Instituto, S-ro Andreo Cseh kaj S-ino Julia Isbrücker instalis la domon kaj tute aranĝis ĝin kun ĉiu komforto por inde akcepti la gesamideanojn.

Tie okazas ĉiujare la famaj kursoj de Andreo Cseh. En ĉi tiu jaro estos speciala komenca kurso por poŝtoficistoj de ĉiuj landoj.

Grandan subtenon ĝuas la Instituto de la Direkcio de la Poŝto en Nederlando per tio, ke la poŝtistoj en Nederlando ricevas ekstran libertempon por ĉeesti la kurson. Ĉiu korespondado de la Instituto rilate al tiu kurso okazas sur la oficiala poŝtpapero de la Poŝto.

Laŭ iniciato de la Nederlanda fervoj-direkcio, la Cseh-Instituto por la unua fojo aranĝas interesan rondvojaĝon tra Nederlando, al kiu oni estas invitata de la Nederlanda Fremdultrafika Unuiĝo.

La nura ekzisto de la Esperanto-Domo jam donas tre seriozan impreson pri nia movado en kaj ekster Nederlando.

Kun la speciala celo pliperfektigi la Cseh-kursanojn en la lingvo, Andreo Cseh redaktas monatan gazeton, eldonatan de la Instituto: La Praktiko. La enhavo estas tia, ke la komencantaj Esperantistoj trovas tion, kion ili bezonas: interesajn konkursojn, kies solvado postulas konon de multaj vortoj, novaĵojn pri la internacia movado por veki la intereson pri la vivo de la Esperantistoj kaj la progresoj de la lingvo, multajn bildojn, anekdotojn, k.t.p.

La Instituto donis la pruvon, ke per sistema laboro oni povas multon atingi. Ĝi meritas la simpation de ĉiu Esperantisto, kiu sincere laboras por la movado. Ke ĝi daŭrigu provizi la movadon per ĉiam novaj entuziasmaj anoj, kiuj fortigos la organizaĵojn kaj akcelos la baldaŭan venkon de nia afero!



Manĝoĉambro en la Esperanto-Domo

# KRINICA - LA PLEJ ĈARMA KAJ FONTRIĈA KURACLOKO EN POLUJO

Inter multaj polaj kuraclokoj, kiuj allogas ankaŭ eksterlandanojn, la plej gravan lokon okupas la vere fama kuracejo — KRYNICA. Situita en vojevodejo Krakow, ĉe la piedoj de ĉarmaj Karpatoj, 560 m super la marnivelo, en la pentrindaj valoj de la riveretoj Kryniczanka kaj Palenica, ŝirmita norde per montaro, kun deklivo malfermita al sudo, Krynica prezentas unuarangan banlokon, dank' al siaj mineralaj fontoj, komforte kaj lukse aranĝitaj banejoj kun sal-, marĉ- kaj gasbanoj. Speciale bongusta estas la akvo gasa acidkarbona.

Krynica ŝuldas sian famon ne nur al sia eksterordinare ĉarma ĉirkaŭaĵo, sed ankaŭ al siaj grandegaj naturriĉaĵoj. Ĉirkaŭata de arbaroj kaj kamparoj ĝi naĝas somere en verdaĵo kaj vintre ĝi estas kovrita dum 4 monatoj per blanka neĝmantelo, brilanta en la montaraj sunradioj. Dank'al nekutime favoraj teren- kaj klimatcirkònstancoj ĝi fariĝis unu el la plej valoraj perloj de polaj kuraclokoj, kaj vintre unu el pliej gravaj centroj de vintraj sportoj. La ĉiujare aranĝataj internaciaj sportkonkursoj amasigas milojn da gesportuloj ankaŭ el malproksima eksterlando.

En la lastaj jaroj Krynica ege disvolviĝis dank'al speciala zorgo de pola ŝtato, kiu la tutan koncernan monprofiton destinas por konstruado de novaj modernaj kurac-domoj laŭ okcidenteŭropaj modeloj, por plibonigo de kurac- kaj banejaranĝoj. Tio ĉi kaŭzas, ke la eksterlando ĉiam pli interesiĝas pri ĉi tiu ŝtata fontkuracejo kaj vizitas ĝin multnombre. Krynica estas preskaŭ la sola en Eŭropo kuracloko, funkcianta dum la tuta jaro (krom la monato Aprilo).

Vere malmulte estas en la mondo fontkuracejoj, kiuj posedus tion grandan nombron da malsamaj mineralfontoj, destinitaj por malsanoj. En Krynica elŝprucas akvoj je la samaj mineralelementoj kiel la famaj fontoj de franca Vichy, Royal kaj de belga Spa. Ĝiaj akvoj estas samvaloraj al tiuj en Neuenahr, Pyrmont, Wildungen, Franzensbad kaj parte ankaŭ Karlsbad.



Panoramo de sur la monto Jaworzyna-Tatroj, Krynica

Krom riĉaj fontoj, enhavantaj la forte alkalian kaj fera akvon, kiu servas egale por trinkado kiel ankaŭ por banado, estas tie kuracaj torfejoj (marĉbanejoj). Bonege efikas la akvoj en multaj malsanoj : anemio, reŭmatismo, virinaj- kaj kormalsanetoj, kronikaj stomakaj malsaniĝoj, intestoj, hepato kaj galovojoj, renoj kaj urinvojoj, ŝtofŝanĝaj malsanoj (podagro, diabeto, dikkorpeco), nerva elĉerpiĝo. Ĉirkaŭ 60 eminentaj kuracistoj el diversaj land-



Krynica vintre. — Novaj banejoj en la lumo de reflektoroj

partoj kaj landoj sanigas homojn, kiuj serĉas tie helpon kaj savon en diversaj siaj doloroj. Kontraŭindiko : tre disvolvigitaj kormalsanoj, tuberkulozo kaj arteriosklerozo.

Krom someraj kaj vintraj sezonoj, kiuj konkuras rilate al ĉarmo de la panoramo, estas ankaŭ tre bela aŭtuno kaj sunriĉa printempo. Ĉi tiuj sezonoj estas la plej malmultekostaj kaj tre ŝatataj de pli gravaj malsanuloj, kiuj preferas la trankvilon.

La senĉesa disvolviĝado de ĉi tiu kuracloko estas la merito de ĝia nuna estraro, kies racia kaj intensa mastrumado kreis el Krynica efektive eŭropan kuracejon. La direkcio de la fontkuracejo kuŝas en la manoj de la inĝeniero S-ro LEONO NOWOTARSKI, kiu apartenas al la plej spertaj gvidantoj.

Prof. Signarski
*prezidanto de Scienca Esp. Rondo en Bydgoszcz-Polujo.*

---

# ĈIAMAĴOJ

6

Eĉ la plej bonaj rimedoj restas senefikaj, se oni ilin ne aplikas.

7

Multaj estas la amikoj kunridantaj, malmultaj — la kunplorantaj.

8

Ne ĉiuj pagas por formanĝita pomo tian prezon, kiun pagis Evo.

9

Forta amo, eĉ malfeliĉa, pliriĉigas.

10

Estas bone helpi la kunhomojn, estas pli bone aranĝi, ke ili ne bezonu helpon.

M. M.

# LA KNABINO KAJ LA ŜTELĈASISTO

Post kiam Rinja estis aŭdinta de maljuna, malsaĝa Janso tiun historieton, ŝi ankoraŭ plie timis la patron kaj sentis strangan konfuzon rilate al li. Janso diris : Via panjo ne volis la patron kiel edzon... sed li perforte igis ŝin kaj kiam vi estis naskiĝonta, la geavoj diris : Vi prenu Lukon kaj tuj ! Ni ne deziras skandalon kaj krome : Lukas Luko estas riĉa. »

Rinja ne tute kompenis la rakonton de Janso sed sufiĉe komprenis por esti konfuzita. Kelkfoje ŝi demande rigardis la blondan, dolĉan panjon, kiun ŝi pasie amis... Blanka estis panjo kaj patro : tute malhela.

Dum la vespermanĝo, tiun vesperon, kiam ili sidis kun la sep geservistoj ĉirkaŭ la ronda tablo, sinjorino Luko demandis : ĉu vi estas laca, Rinja ? »

« Tute ne, patrino. « La knabino kirlis siropon en la senbuterlaktan kaĉon ; ŝi estis pala. Luko, strabe rigardante ŝin, grumblis ion kaj ŝmace maĉis pecon da sekalpano trasorbigita en la kaĉo.

Ja la naŭa kaj duono oni enlitiĝis. Sed Rinja ne demetis la vestojn. Grandokule ŝi rigardis la grandan lunon, velantan sur blue arĝenta maro. Rinja preĝis, ankaŭ por la patro... Rinja murmuris : Mi *devas* ! Poste mi konfesos al onklo pastro, sed mi devas, mi ne povas toleri ke Filĉjo estos vendata al tiu abomena senfeligisto. Mi du fojojn petegis... patro nur priridis min. Ho, aĉe ! Filĉjo ĉiam laboregis. Nun li estas tro maljuna... lia nutraĵo kostas iom... lia haŭto valoras iom. Pensante pri la vila, ruĝe nigra felo de la bonulo, Rinja sentis larmojn piki malantaŭ la okuloj, sed ne volis plori kaj ne ploris. Je la dekdua ŝi ellitiĝis — kaj firme tenante ŝlosilon en la mano rapidis tra la fenestron, preter la odorantan sambukon al la granda grenejo, kiu parte estis stalo ; en la legomĝardeno ŝi prenis kelkajn karotetojn. Kiam ŝi estis en la grenejo kaj reŝlosis la pordon, aŭdiĝis malforta henado.

« Jes, Filĉjo, estas mi, silentu ». Ankaŭ la stalpordo estis malfermita kaj refermita. Nudaj knabinbrakoj ĉirkaŭprenis ĉevalnukon, blondaj bukloj kaj vilaj kolharoj intermiksiĝis... Oh, la bona, konata odoro de la pura ĉevalkorpo !

Rinja puŝmalfermis la eksteran pordon kaj kondukis Filĉjon en la arĝentan nokton. La sabla vojo inter avenkampo kaj falĉite kuŝanta herbo estis transnebulita de blanka malsekaĵo saturigita de herbodoro... Strigo vokis : Kiu ? kiu ? Vadante tra la laktajn nebulstriojn Rinja dolore aŭskultis la malrapidan maĉadon de la ĉevalo, kiu kontente gustumis siajn karotojn.

Pro la nokta arbaro, kies angulon ŝi devis trairi, ektremis Rinja. Sed estis tiel sorĉe bele inter la fagoj kaj arbetajoj ! Neniu folio moviĝis kaj tamen ŝajnis al Rinja, ke ili kantis al la lumo, arĝentumanta ilin, solenan silentkanton. ŝi sentis nevideblajn estajojn irantajn de supre malsupren, de malsupre supren, de malproksime apuden, de proksime foren, kiuj per magia forto igis ŝin tute travidebla kaj sentima ; ankaŭ Filĉjon — liaj senpekaj okuloj brilis bluete,mistere... Acinelo kuris per komike altaj piedoj sub la ronda korpo inter la trunkoj kaj denove kriis strigeto : Kiu ? Kien ? Kien ? Kiu ?

Jen jam la senlima ebenaĵo. La nebulplumegoj duone vualis strange formitajn juniperojn ; mirikodoro balzamis la nokton. Malproksime brilis lageto kaj kiel giganta gardisto staris apud ĝi la tilio de « Longa Ars », kiel oni nomis la ŝtelĉasiston Ernst Erlok. Estis strange : La filino de la fiera Luko kaj Erlok estis geamikoj. Ernst diris al Rinja, kie plej abunde kreskas orkidoj kaj arnikoj ; li per rastilo prenis akvoliliojn por ŝi el la lago... kaj estante pli bona kuracisto ol la veterinaro, li sanigis la rompitan piedeton de la kateto de Rinja. Luko volis mortigi la beston sed ŝi forkuris kun ĝi al Ernst, kiu lerte bandaĝis ĝin. Tiam demandis Rinja : Ernst, kial do vi estas ŝtelĉasisto ? Ja estas malbone !

— « Rigardu. Kion faras tiu grasa koko de mi ? »

« Li volas forpreni panpecon de la juna kokido. »

— « Kaj al kiu apartenas la pano ? »

« Al vi ! »

— « En ordo. La bona Dio kreis la mondon por ĉiuj homoj. Sed jen venas riĉa sinjoro kaj aĉetas tutan arbaron. Li diras : ĝi estas mia, ankaŭ la bestoj vivantaj en ĝi. Nu, Rinja, tiu sinjoro estas la grasa koko kaj la kokido estas mi. Krome, mi ofte donacas leporon al malsata mizerulo. Jen ĉio, Rinja. »

« Ĉu ? Efektive ? ? ? Jes, mi sciis, ke vi ne estas malbona.»

Duone moka, duone honta estis lia rigardo ; iom amare li ridetis.

---

Pli rapide Rinja iris la vojeton trans la ebenaĵo : kiam fine ŝi frapis la pordon, ŝi sentis la varman spiron de Filĉjo kontraŭ sia nuda brako. Oh, kiel martelis denove ŝia koro ; kvazaŭ petanta helpon ŝi suprenrigardis al la serena arbego, en kies branĉoj ekpepis birdeto... Sed Erlok baldaŭ malfermis, tute vestita kaj maldorma. Altstatura junulo li estis, kies hele brunaj okuloj esprimis memcertan liberecon. Ili pligrandiĝis, ekvidante la strangan duon. « He, ĉu vi ? Kion... »

« Ernst, jen... Filĉjo. Vi helpu min, Ernst. Patro volas lin vendi al ĉeval-Petro. Mi ne povas toleri... Filĉjo ĉiam laboregis. Ernst, vi pelu lin en la marĉon kaj mortpafu lin. Li ne darfas esti senfeligata ». Tremo ŝin skuis, ŝia vigla imagpovo ja pentris blue ruĝan viandpecegon...: la morgaŭan Filĉjon... se Ernst ne helpus.

— « Sed infano ,ĉu vi estas freneza ! Pripensu, via patro... »

« Mi bone pripensis. Oni pensos, ke Filĉjo forvagis kaj dronis ». Rapide ŝi rakontis pri la refermitaj pordoj, la malfermita eksterpordo... kaj ŝiaj okuloj brilegis, petegis. Ernst palpebrumis kvazaŭ rigardanta en tro fortan lumon.

— « Sed infano, la patro vin paroligos. Mi ne faros, mi absolute ne faros. »

« Ernst... vi faros. Mi *ne* parolos. »

Stranga esprimo trafulmis liajn trajtojn. « En ordo ! *Vi* estas brava, ankaŭ mi. Filĉjo dormos kun haŭto. Sed vi nun tuj iru hejmen ».

« Ne. Mi volas resti. »

Senparole li turnis sin por preni la pafilon. Rinja ĉirkaŭbrakis la ĉevalkolon. « Pardonu, kara, kara Filĉjo... mi ne povas fari pli por vi ». La besto lace, bonkore henetis, frotante la kapon kontraŭ ŝian kokson... Longa Ars reaperis kaj silente ili iris al la marĉo. Tie Rinja saltis for de la ĉevalo kaj kriis : « Nun faru, tuj ! » Erlok, per kelkaj nefortaj batoj pelis la maljunulon en la marĉon kaj krie pli malapuden, ĝis la besto ĝis la genuoj vadis en la koto. Tiam li vokis : « Hoj, Filĉjo, haltu ! » La besto sin turnis duone — jam tondris la pafo kaj Filĉjo jetis dorsen la kapon, spasme montrante la flavan dentaron... poste tré malrapide subeniĝis. Ankoraŭ li moviĝis en la obtuze klakanta malsekaĵo, ĝis la granda korpo flankenfalis. Kun krio volis kuri al li la

knabino, sed Erlok kaptis ŝin. « Hej, kion vi faras ? Jam li ne sentas ion plu. Kvietiĝu, Rinja ». Li estis paliĝinta sub la bruna epidermo. Rinja plendis larme : « Filĉjo en la koto ! » ŝia tuta korpo tremis. Kaj la viro, kiu kun pasia ĝojo ofte trenis mortigitan kapreolon al sia kabano dumnokte, sen ia kompato, nun estis strange kortuŝita. Li forkondukis ŝin. La blonda kapo preskaŭ tuŝis lian ŝultron kaj lia mano tenis molan brakon. Tiam Longa Ars konsciiĝis pri la fakto, ke por neniu sur la tero li sentis multan varmon, nur por tiu knabino, kiu neniam nomis lin Longa Ars, sed ĉiam simple « Ernst », — kiu fidis lin kaj parolis al li per tiu alta, klara voĉo, kiel al honesta viro... Li estis rilate al virinoj same memcerta kiel en la pafado ; io en lia rigardo katenis ilin. Tamen, kvankam tute ne estante sanktulo, li neniam pensis pri virinoj, kiam li ne vidis ilin kaj la aventuroj varmigis nur lian sangon, neniel la koron. Sed tiu infano, ne, tiu rasa virino — deksesjara —

Li abrupte delasis ŝin kaj la knabino, troe okupita de la ĉagreno eĉ ne rimarki tion, iris kviete flanke de li. La larmojn ŝi retenis, sed ho, kiel pala estis la bela vizaĝo, lume pala.

Je la arbarlimo li haltis. « Vi nun tuj estos hejme. »

— « Jes... Bonan nokton. Kaj dankon, Ernst. »

« Vi, ĉu vi ne timas la patron ? ». Plene rigardante lin ŝi kapneis. « Kaj mi nenion diros, nur al onklo Pastro, kompreneble ».

— « Diru, Rinja, kial vi fidas min ? ».

Miron esprimis la bluaj, profundaj okuloj. « Mi ja konas vin ! ».

Li silentis... Fine : « Iam, baldaŭ, vi ekkomprenos, ke ne decas por bienposedantfilino viziti kabanon de ŝtelĉasisto ».

Rinja iome ruĝiĝis, sed nur pro indigno. « Bah, mi ne estas tia, kaj vi bone scias, Ernst. Kial vi diras ion tian ? ». Etendante maneton : « Mi estas tre danka al vi ; ĝis revido ». Sed li nur mallonge premis la maneton... liaj brakoj tremis pro sopiro kapti ŝin forte, forte. Poste li restis staranta senmove, dum ŝi plueniris en la blanka nebulo, kiu pli kaj pli vualis ŝin.

Dum la vojo returnen li subite ekridegis : « Deksesjara infano, hahaha ! » Sed la rido rompiĝis ; li per la pugno forte batis fagtrunkon.

Kiam filtriĝis matenruĝo tra la blankaĵon, Erlok ankoraŭ sidis sub sia tilio, rigardante la lagon. Tiam li forviŝis la postsignojn de la hufoj antaŭ lia domo, preparis teon kaj denove eksidis, kviete fumante pipon. Liaj trajtoj estis sereniĝintaj, rideto heligis ilin. « Plej amuza estas *nia* astro, steletoj ! Longa Ars enamiĝis en infanon, kaj Bienposedanto Luko miros pri la enigma sinmortigo de ĉevalo... Estu kiel ajn, sed la viro, kiu havos *ŝin*... ! » Nobla esprimo beligis lian brunan vizaĝon.

---

Panjo zorgplene observis Rinjan, la sekvintan tagon, sed ne kuraĝis ion demandi. Luko, ege malbonhumora, ofte strabis al la pala filino, tamen ankaŭ li ne *kuraĝis* demandi. Tiu knabino tre similis la patrinon, sed ne havis tiajn obeemajn okulojn : brilis en ili ia serioza fiero, ia nerompebla decido.

Post semajno la juna katolika pastro vizitis longan Ars. Post la vespero je kiu Erlok trovis lin kun elartikigita piedo kaj facile portis lin al sia kabano, kie li preparis teon kaj ovojn kun lardo por la laca pastro, tiu ŝatis la ŝtelĉasiston. Ili kelkfoje interbabilis kaj la pastron mirigis la inteligenteco de Erlok. Li foje demandis : vi sendube estas bone instruita ? Erlok respondis : « De la naturo kaj de la vivo, jes ». Pli la pastro ne kapablis ekscii pri li.

Post semajno la pastro vizitis lin... babilis, nur iom distrite babilis, ĝis eksplodante en ridon Ernst diris : « Vi venas por konfesigi min ! ? Sed mi ja ne estas katolika ! ».

« Ne, ne ! Sed ion tian vi ne devus fari, Erlok. Mi tre bedaŭras la aŭdacon de Rinja kaj de vi ». Longa Ars ridetis : « Ĉu decas, ke sinjoro pastro mensogetas ? »

« Kompreneble ne ! Sed kial ? » — « Ĉar vi *ĝojas* pro tio, ke maljuna Filĉjo dormas kun haŭto kaj pro tio, ke via lernantino havas tian bravan koron ».

La pastro klopodis koleriĝi sed la rido de Erlok senarmigis lin, tute kontraŭ lia volo senarmigis lin. « Nobla knabino, sinjoro pastro... sed vi instruu al ŝi, ke ŝi ne troe fidu la virojn. »

---

Iun vesperon kun forta kaj norda vento Erlok longe staris ĉe la lago, meditanta. « Vi estas nur lageto... la maro estas vasta, belega kaj ankaŭ trans ĝi estas arbaroj. Adiaŭ ».

Li ekbruligis sian kabanon. La vento ja zorgis, ke la flamoj ne difektis la tilion. Sorĉa vidaĵo, tiu ruĝa ardo kontraŭbatalanta veluran vespergrizon ! La lago spegulis ĝin ; super la marĉo kriis akvobirdoj. Erlok rigardadis kun serena vizaĝesprimo... La fajro mortbrulis sin... eklumis la steloj. Kaj la viro murmuris : « Jen, la fajroj de Dio estas eternaj, sed la fajroj de la homoj, ĉu konsumantaj korojn ĉu domojn... ili estingiĝos. »

Tiun nokton altkreska junulo marŝis tra arbarojn kaj kampojn. Nur eta pakaĵo kaj ne tro dika monujo estis liaj.

Strigeto kriis : Kiu ? Kien ? Kiu ? Kien ?

La sekvintan tagon Rinja ricevis poŝtkarton ilustritan. Ne estis skribita nomo sur ĝi, sed : « La ardo nur varmigis,ne brulvundis min. »

Jeanne MIDDELBEK. *Arnhem. Nederlando.*

---

# *Birdeto*

*Ho merlo, merlet' sur la branĉo,*
*Vi rave en suna dimanĉo*
*Tril-kanton ekfajfas kun bel' !*
*Ridetas la gaja ĉiel'*
*Kaj zumas printempa la vento,*
*Dum vibras la voĉ' el arĝento,*
*La voĉo de voko, de vek',*
*El la flava bek' !*

*Hej kantu, birdet' ! Kun plezur'*
*Vin dankas la tuta natur' :*
*Jam pompas kokete la floro,*
*Malfermas kalikon el oro,*
*Jam kreskas kuraĝe la herbo,*
*Kun svelta, fiera superbo,*
*Kaj ĝojas la kor' en konstant'*
*Pro la ĉarma kant' !*

*Birdeto, malgraŭ la junaĝ',*
*Vi estis nur bono, nur saĝ'.*
*Per ĉarmo kaj voĉo muzika*
*Vi igis la vivon amika...*
*Ve, kial la bono, la bel'*
*Proksimas tiom de l'kruel' ?...*
*Ve, kial vin kaptis per bat'*
*La perfida kat' ?*

Mad. MEVO.

XXVIII-UNIVERSALA KONGRESO
DE ESPERANTO EN WIEN 1936
8-15. (5.-18.) AŬGUSTO.







VIENO 1936

Sub la protektorato de Federacia Prezidanto de Aŭstrio S-ro Wilhelm Miklas.

Ĉu vi jam aliĝis al la kongreso ?

Se ne, rapidu, por ke vi ne venu tro malfrue !

Tro malfrua aliĝo, faros al vi perdon kaj al ni multan malhelpon kaj laboron !

Tial aliĝu tuj kaj eluzu la ĝis 30 de junio validajn rabatitajn kotizojn :

Kongresanoj : sv. fr. 25.50, famlianoj sv. fr. 16.—, gejunuloj malpli ol 18-jaraj sv. fr. 10.80.

Kongresvojaĝo « Tra Aŭstrio » aŭ 5-8 aŭg. de Salzburg-Wien kaj 15-18 aŭg. de Wien-Graz-Klagenfurt al Salzburg trans Grossglockner aŭ Wien-Graz-Klagenfurt-Grossglockner-Klagenfurt-Salzburg-Linz-Wien (15-21 aŭg..... ĉu vi jam aliĝis ?

Se ne, tiam rapidu, alie vi perdos la okazon vidi nian belan landon tiel malmultekoste kiel havigos al vi nia Turisma Servo.

Ĉiujn informojn vi ricevos de nia LKK.

Kontraŭ alsendo de 1 respondkupono ni sendos al vi presitan programon kun gvidfolioj, ĵus aperintaj, pri Vieno, Brucknerlando kaj la Foiro.

---

*Kongres-karavanoj.* — La preparoj por bona frekventigo de la 28a vigle progresas, kiel ni sciiĝas el la eksterlandaj raportoj. Jen la listo da karavanoj al la Viena Kongreso : Brita Esperantista Asocio (London) — Bulgara Esperantista Asocio (Kotov, Ruse) — Estona Esperanto-Asocio (S-ino Helmi Dresen, Tallin) — « La estonto estas Nia » (Reisbureau L.E.E.N., Amsterdam) — Societo turisma de Esperantistoj en Polujo (Warszawa, Leszno 99) — Pola Esperanta Delegitaro (Kutscher, Krakow) — Hungarlanda E-Societo (S-ino Sári S. John, Budapest VI., Vilmos cs. ut. 35) — Societo por Propagando de Esperanto en Francujo (Petit, Rosny-s-Bois) — Sveda Turista Komisiono Esperanta (E. Malmgren, Stockholm) — Svisa Esperanto-Asocio (Dr. Spielmann, Bern) — S-ro J. Telling kun s-ro Damen de Katolika Esperanto-Organizo en Nederlando (Rotterdam).

*Unu plia Karavano al Wien :*

La plej grava turist-institucio en Nederlando decidis enmeti en sian programon vojaĝon al la 28a Universala Kongreso en Vieno. Ĝi publikigis en sia organo detalojn pri la tuta vojaĝo kaj provizore fiksis la vojaĝsumon je 97 guldenoj por dek tagoj.

Nederlandaj esperantistoj petu pluajn informojn ĉe : De Nederlandsche Reisvereeniging, Den Haag, Zeestraat 102.

*Malfaciloj por elvojaĝo*, ĉu ili koncernas vizajn aŭ valutajn aferojn, estu sciigataj al L.K.K., kiu — se iel eble — penos en ĉiu konkreta kazo pri ilia forigo. resp. mildigo. Ekzemple koncerne la sciigitajn *limigojn por elvojaĝo el Nederlando*, LKK ricevis de l'tiea aŭstria ambasadoro la informon, ke la malfaciligoj nun ne validas kaj kredeble ankaŭ en la plej proksima tempo *ne ekvalidos.*

*Esperanta Turista Komisiono* (Drottninggatan 18, Stockholm) ĵus eldonis en sveda lingvo belan, 4-paĝan kongresprogramon, okaze de la kongresa karavano, kiun la nomita turista organizaĵo aranĝas per aŭtobusoj de Stockholm al Wien. (Ekveturo la 1an de aŭg.).

# Grava informo por la delegitoj

Je la momento kiam ĉi tiu numero de la gazeto estis prespreta ni ricevis ekzempleron de la folieto « Informilo pri UEA », sendita al la delegitaro de tri delegitoj en Svisujo, kiuj kontraŭas la proponatan ŝanĝon de la sidloko de la Asocio. Kompreneble, ili rajtas dissendi cirkuleron por montri sian opinion, sed tiu enhavas ciferojn neĝustajn kaj erarigajn.

Plena respondo de la Estraro kun la ĝustaj ciferoj kaj konkludoj, aperos en la junia numero, aperonta ĉirkaŭ je la mezo de la monato, sed jen specimenoj :

1) La plendintoj citas, ke la elspezoj por salajroj por 6 personoj en Ĝenevo estas 15.000 s. Frk. jare, kaj sekve la ŝparo pro la translokigo estus nur 150 s. Frk. La *fakto* estas, ke la salajroj en 1935 estis 17.300 s. Frk (la plej malalta cifero dum multaj jaroj) por 5 personoj, kaj ke la ŝparo nur pro tiu kontero estus 2.7›0 s. Frk.

2) La afranko *ne* estas egala ĉiulande. La afranko por eksterlandaj leteroj en Anglujo estas precize la duono de tiu en Svislando.

C. C. Goldsmith,
*Direktoro.*



Hofburg (imperiestra kastelo) : marmorsalonego, kie okazos la malfermo

# LA VIENA KULTURO

Vieno posedas ne nur altan modernan civilizacion, sed ankaŭ praaĝan, al si propran, en la vastaj amasoj de la loĝantaro enradikitan kulturon. Ĉefa merito je tio apartenas al la specifa karaktero de Vienano. La Viena loĝantaro estas rezulto de historia kunfandiĝado de multaj gentoj. Ne nur la diverslingvaj reprezentantoj de la multaj nacioj de l'granda Habsburga regno sentis sin en ĉiuj jarcentoj altirataj al la metropolo, kie ili kunfandiĝis kun la enlanda loĝantaro, sed ankaŭ la malproksimen radianta brilo de la kortego logis membrojn eĉ de la plej foraj landoj en siajn murojn. Multenombraj italoj kaj francoj, eĉ hispanoj kaj katolikaj irlandanoj, germanoj el la Regno kaj Nederlandanoj migradis por pli aŭ malpli longa restado al Vieno, pliriĉigis ĝian spiriton kaj ĝian kulturon per la trezoroj de sia patrujo, asimilis sin al ĝia cetera loĝantaro kaj alportis al ĝi riĉan kaj valoran sang-almikson.

Kiam ni promenas tra la stratoj de Vieno kaj rigardas la nomojn sur la elpendaĵoj de magazenoj kaj butikoj, ni ricevas enrigardon kaj komprenon pri la diversspeca deveno, el kiu estiĝis la nuna Viena loĝantaro : ĉeĥaj, polaj, madjaraj, italaj, francaj familinomoj atingas preskaŭ tiujn de la germana deveno. Kaj tiu ĉi sango-mikso donis treege feliĉan rezultaton, kvankam la Vienano nature kaj necese devas elmontri ankaŭ la malavantaĝojn de siaj virtoj kaj bonaj flankoj. Kaj kvankam malbonvolaj kaj galoplenaj kritikantoj ofte skribis maldolĉajn rimarkojn pri la « Feakojurbo ĉe Danubo », kaj kvankam aliflanke la Viena « grumblulo » ne kutimas lasi sen malica kritiko eĉ unu solan parteton de sia amata gepatra urbo, germana diligenteco kaj germana animo, slava moleco kaj sentimento, madjara kavalireco, franca sprito kaj moviĝemo kaj fine itala varmo unuiĝis en la Vienano, kunfandiĝis je speciala, simpatia kaj valora tipo, kaj kreis propran, specife Vienan kulturon, propran, specife Vienan atmosferon kaj ni povas diri kun plena rajto : Vieno estas ne nur eminente bela kaj interesa urbo, ne nur unuaranga centro de komerco, ne nur kultura centro, kiel nur malmultaj aliaj — Vieno estas mondkoncepto.



Wien. — " Ventumil-danco " dum la ĉiujaraj " Festsemajnoj "

Specialan ĉarmon de Vieno faras la cirkonstanco, ke la moderna urbocentro kaj la historia aĝurbo estas kun si identaj. Kvankam tiu ĉi identeco kaŭzas multajn malagrablajn konsekvencojn unue por la grandurba evoluo pro la tre



Graz, Stirio. — Sidejo de la landa registaro

multaj trafikbarantaj malvastaj stratetoj, due por la konservado de la historie-tradicia beleco de Vieno sekve de la neevitebla oferado de multenombraj kulturvalorajoj de netaksebla signifo, tamen aliflanke unika en sia speco estas ja tiu reciproka trapenetra de malnovo kaj novo, kiuj cirkaŭas la bruantan, tempoavidan trafikon de la grandurbo kaj la eternan solenecon de gotikaj katedraloj, kie la fiera trankvilo de barokaj palacoj rigardas malsupren al la nervoza kaj nenion konsideranta batalo pro l'ekzisto en senkomprenebla epoko, kaj kie pentrindaj, praavaj silentaj placetoj solece sonĝas nur kelkajn paŝojn for de la radianta brilo de pompaj ĉefstratoj, movataj de la febra pulsobatado de metropolo.

ALFRED VON BALDASS.

---

## PRINTEMPO EN VIENO

(Laŭ Kurt Robitschek,
melodio de Robert STOLZ)

*Venu kaj rigardu el*
*La fenestro: jen,*
*Blu-kolore la ĉiel'*
*Brilas en seren'.*
*Ridas la dimanĉa sun',*
*Do al Dio dank' !*
*Blankan vian veston nun*
*Prenu el la ŝrank' !*
*Kun la tuta famili'*
*Al la Prater migros ni !*

*La arboj de l'Prater alprenis*
*Denove vestaron el flor',*
*Kun revoj kaj ravoj revenis*
*Printempo en suno kaj or'.*
*Denove kun rido jubila*
*La mondo fariĝas Eden', —*
*Do ĝoju, ĝoju pri la*
*Printempo-alven' en Vien' !*

*Estu nur amuzi nin*
*Hodiaŭa far',*
*De la Sivering-a vin'*
*Frandi sen avar'*
*Kaj — juhu ! — post la aer-*
*Balancil-vetur'*
*Ni, ke tremas eĉ la ter',*
*Dancos kun plezur'.*
*En petolo ĝis ebri'*
*Trinku, dancu, kantu ni !*

*La arboj de l'Prater alprenis*
*Denove vestaron el flor',*
*Kun revoj kaj ravoj revenis*
*Printempo en suno kaj or'.*
*Denove kun rido jubila*
*La mondo fariĝas Eden', —*
*Do ĝoju, ĝoju pri la*
*Printempo en mia Vien' !*

Karl VANSELOW.

(El « Vienaj Kantoj », dediĉitaj al la 28-a Universala Kongreso de Esperanto).

La Hungara Ĝenerala Kreditbanko en Budapest, kiu jam delonge aliĝis al UEA, proponas siajn konsilojn kaj servojn al la esperantistoj, kiuj deziras viziti Hungarujon. La Banko plenumas la bankservon de la Centra Komitato de la Termalbanejoj kaj Resanigejoj de Budapest kaj tiel havas ankaŭ en la plenumado de la financa parto de la hungara fremdultrafiko gvidantan rolon.

Ĝi atentigas, ke la elspezoj de la restado en Hungarujo estas kovreblaj je tre favora kurzo per la akiro de « fermitaj pengoj ». Ĉar tio havas diversajn manierojn, la Banko petas kiel eble plej frue kaj laŭeble detale sciigi pri la ĉi-rilataj planoj. Konante ilin ĝi povus detale informi pri la plej avantaĝaj eblecoj de la monŝanĝo.

## Raporto pri la Internacia Konferenco Wien, 1934

La presigo de la raporto pri la Internacia Konferenco Wien, 19-24 majo 1934 (« Esperanto en la lernejo kaj praktiko ») ne povas bedaŭrinde okazi, ĉar venis nur tre malmultaj mendoj : la mendintoj de la raporto ricevos kompense la raporton pri la 12 Somera Universitato Wien 1936. Ili povas ankaŭ rericevi la pagitan sumon, se ili tion preferas kaj informos la Aŭstrian Esperantiston, Wien I, Neue Burg (Aŭstrio).

## La lingvo de internaciaj kongresoj

Laŭ statistiko de Columbia University Press (Usono) oni oficiale uzis en diversaj internaciaj kongresoj, okazintaj en 1923-1929, la lingvojn : francan- 238, anglan — 186, germaman—161 kaj italan —35 fojojn. La statistiko bedaŭrinde ne donas informon pri tio, kiom da tempo estis perdita por tradukoj kaj kiom da kongresanoj estis kondamnitaj al silento pro la nesufiĉa kono de la uzitaj lingvoj.

## Ĝenerala kunveno de la Internacia Esperanto-Muzeo en Wien

28-an de marto 1936 okazis la ĝenerala kunveno de la membroj de l'Internacia Esperanto-Muzeo en Wien. El la raporto de s-ro kort. kons. Hugo Steiner estas notinda la mencio, ke IEMW, kiu estas parto de la ŝtata Nacia Biblioteko, ricevas de ĝi senpage nur la ejon, hejtadon kaj lumigon, krome — nenion. Pri telefono, presaĵoj, poŝtelspezoj kaj kompenso al la laborantoj ĝi devis zorgi mem. Tiujn elspezojn la Muzeo kovras el la oficialaj subvencioj kaj el la kotizoj de siaj dumvivaj membroj.

La revizoroj konstatis, ke la elspez-kompensoj, konceditaj al s-ro Steiner, fakte estis pagitaj al li nur ĝis majo 1935. De tiu tempo li ne nur ricevis nenian rekompenson por sia laboro kaj elspezoj, sed devis ankoraŭ en la jaro 1935 fari antaŭpagon el propra mono por certigi la normalan funkciadon de la Muzeo.

La novelektoj rezultigis jenan estraron : Prez. kort. kons. Steiner, vicprez. reg. kons. Stengel, kasisto Gustav Weber, sekretario Ernst Werner, estraranoj : D-ro Emil Pfeffer, Lothar Steiner, Maria Weber, Louise Ziwutschka.

---

Nia Ĉefdelegito en Nederlando s-ro P. M. Mooij petas nin publike korekti la sumon en la listo de donacoj por la vidvino de s-ro Kreuz, kiun li sendis al la donacintoj. La sumo estas g. 182,60 (kaj ne g. 182,10).

# KRONIKO

— Laŭ informo de Internacia Radio-Servo, dum 1935 estis faritaj 1409 Esperanto-dissendoj.

— Dum la lasta monato en 18 urboj kaj komunumoj de Francujo la konsilantaroj faris decidojn favore al enkonduko de Esperanto en la lernejojn.

— La prezidinto de la Litova Esperanto-Asocio verkis kaj eldonis plenan Esperanto-litovan vortaron, kiu entenas ĉiujn vortojn, uzatajn en la esperantista mondo (escepte teknikan vortaron).

— La Sveda Oficejo por eksterlanda komerco uzas ankaŭ Esperanton por siaj sciigoj kaj informoj, destinitaj por la eksterlando.

— En Kobe (Japanujo) devis okazi konferenco inter la japanaj kaj la nederland-hindaj navigaciaj kompanioj. La japanoj volis uzi la japanan lingvon, la nederlandanoj — la anglan. Ĉar neniu cedis, la konferenco, kiun oni juĝis necesa, ne povis okazi.

— En Jerusalemo ĵus malfermita nova kliniko estas nomita « Zamenhofa Kupat-Ĥolim ».

— Esperantista Radio-Klubo de Francujo eldonas belan esperanto-gazeton, kiu aperos monate aŭ dusemajne — depende de la nombro da abonoj. Senpagajn specimenojn sendas s-ro Michel Alglave, 150, rue Cronte-Voye, Blanc-Misseron, Nord-Francujo. Jarabono : Francujo kaj landoj aliĝintaj al la Interkonsento de Stokholmo fr. fr. 9.— aliaj landoj fr. fr. 12.—.

— En Londono fondiĝis antaŭ nelonge klubo de esperantistaj taksiistoj, kiuj regule kunvenas kaj praktikas Esperanton.

— En Boulogne-sur-Mer (Francujo) la Oficiala Turisma Oficejo havas oficiston, scipovantan Esperanton, por doni informojn al la multnombraj samideanoj, vizitantaj aŭ trapasantaj la urbon.

— En Londono estas fondita Esperanto-Federacio, kiu kunigas por komuna laboro ĉiujn fakajn, politikajn, tendencajn kaj neŭtralajn Esperanto-grupojn de la urbo.

— En Usono estas fondita Esperanto-Akademio, kiu kontrolas la lingvo-evoluon de Esperanto en Usono.

— En Anglujo oni faris dum la pasinta jaro provlecionojn antaŭ 15.000 gelernantoj kaj 500 geinstruistoj el 101 lernejoj, por konvinki la instrukompetentulojn kaj la lernejestrojn pri la utilo, facileco kaj neceso de Esperanto. Al la ĉeestintoj de tiuj provlecionoj estis disvenditaj 6.000 lernolibroj.

— La urba konsilantaro de Laon (Francujo) voĉdonis deziresprimon pri la instruo de Esperanto en ĉiuj lernejoj.

— En Grekujo 462 gelernantoj partoprenas Esperanto-kursojn en diversaj mezlernejoj.

— En Helsinki (Finlando) 70 tramistoj fondis fakan Esperanto-grupon.

— Nederlandsche Reisevereeniging (N.R.V.), kiu havas pli ol 60.000 membrojn, aranĝas societan vojaĝon al nia Universala Kongreso en Vieno.

— La Internacia Cseh-Instituto de Esperanto en kunlaboro kun la Ĝenerala Direkcio de la Nederlanda P.T.T. kaj kun la Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegraf-Oficistoj organizas en la Esperanto-Domo en Arnhem dum 6-16 de julio la trian internacian kurson por la geoficistaro de poŝto, telegrafo kaj telefono. La nederlanda poŝtdirekcio donas al la partoprenontoj ekstran libertempon kaj pere de la Universala Poŝta Unuiĝo en Bern ĝi invitis la eksterlandan PTT-oficistaron partopreni la kurson.

— Laŭ la islanda ĵurnalo « Matengazeto », la 17-an de januaro sur Stapafjörn albordiĝis botel-depeŝo en Esperanto. La depeŝo tekstas : « La botelo, kiu entenas ĉi tiun leteron, estas ĵetita en la maron ĉe la okcidenta bordo de Grenlando, la 15-an de julio sur la 75-a grado de la norda larĝeco. N. M. Andersen ».

— Laŭ la ĵurnalo « Generalanzeiger für Schlesien und Posen » de 25 marto 1936, la Prusa Adakemio pri Sciencoj (Preussische Akademie der Wissenschaften) en Berlino donis aprobon al scienca laboro en Esperanto de S-ro Klemenz Wieczorek kaj protektis al li la aŭtorrajton por la publikigado de la verko.

## NACILINGVAJ TEKNIKAJ TRADUKOJ

— Okaze de la traduko esperanten de VIII volumo (Armita Betono) de la famaj seslingvaj « Ilustritaj Teknikaj Vortaroj » de Schlomann, estas konstatite, ke ĉirkaŭ 10% de la nacilingvaj tradukoj de terminoj kaj esprimoj estas eraraj. Por eventualaj tradukontoj de aliaj volumoj estas konsilinde elekti kiel bazon la originalan, do la germanan tekston.

## Bulgara Esperantisto tra la Itala, Franca kaj Hispana Riviero

Nia bulgara samideano, Ivan H. Krestanov-Sofia, entreprenas unumonatan vojaĝon, de la 29 majo ĝis la 28 junio, veturante senpage kiel ĵurnalisto. Li vizitos la urbojn : 29 majo-2 junio — Ljubljana, 3 junio — Venezia, 4 junio — Genova, 5 junio — Monte Carlo, 6 junio — Nice, 7 junio — Marseille, 8 junio — Gerona, 9-10 junio — Barcelona, 11 junio — Tarragona, 12 junio — Valencia, 13-14 junio — Madrid, 15 junio — Saragosa, 16-17-18 junio — Florencia, 19-20 junio — Roma, 21 junio — Brindisi, 22 junio — Patras, 23-24 junio — Ateno, 25 junio — Saloniko, 26-27 junio — Stambulo.

En ĉiuj menciitaj urboj li estas je dispono de la lokaj esperantistoj por senpagaj esperantaj paroladoj pri Esperanto aŭ pri la Balkanlandoj ("Ilia amikeco kiel plej bona fortikaĵo"). Li estas atingebla per nia redakcio.

## Esperanto anstataŭ angla lingvo en Japana lernejo

Ĝis nun en Japanujo la angla lingvo estas rigardata kiel unua fremdlingvo por lernantoj. Sed de la lasta aprilo, kiam nova lernjaro komenciĝis, s-ro Maruyama, lernejestro de la Sesa Knabina Liceo en Tokyo (Tokyo-Huritu Dai-6 Kôtô-Zyogakkô), enkondukis kiel regulan lecionon por la unua-jaraj lernantinoj, Esperanton anstataŭ la angla lingvo, kaj malfermis novan vojon epokfaran por lingvo-instruado en Japanujo.

Ĉar la instruisto estas s-ro Yosi H. Isiguro, meritplena, agema pioniro de nia movado, sukceso de tiu nova Esperanto-klaso estas senduba. Jes, liaj lernantinoj jam montras mirindan progreson, kaj je la okazo de lastjara Zamenhofa tago ludis eĉ teatraĵeton.

Bonvolu kuraĝigi la gvidanton kaj lernantinojn per alsendo de leteroj, kartoj kaj esperantaĵoj, libroj, gazetoj, afiŝoj ktp.

Adreso : S-ro Yosi H. Isiguro, Hirutu Dai-6 Kôtô-Zyogakkô, Siba, Tokyo, Japanujo.

# ESPERANTO EN LA INTERNACIA PEDAGOGIA KONFERENCO

De la 14a-20a de aprilo okazis en Utrecht (Nederlando) la Internacia Pedagogia Konferenco de New Education Fellowship, vizitita de pli ol 700 kongresanoj el diversaj landoj de Eŭropo, inter kiuj estis universitataj profesoroj, gvidantaj pedagogoj kaj la instruistaro de diversgradaj lernejoj. Multaj unuarangaj paroladoj pri la moderna instruarto, estis faritaj en la konferenco, sed por nia movado ĝi havas apartan valoron pro la granda sukceso tie akirita. En mia tridekjara por-esperanta ofte malfacila laboro ĉi tiu kongreso estas plej ĝojiga mejlo-ŝtono.

Nia ŝatata samideano, s-ro Pierre Bovet, profesoro ĉe la universitato en Ĝenevo kaj direktoro de la tiea Internacia Instituto J. J. Rousseau, malfermante la longan vicon de la kongresparoladoj, tre lerte dufoje menciis la gravecon de Esperanto por la instruistoj kaj por la lernejoj.

Ĵaŭde la 16-an preskaŭ la tuta posttagmezo estis dediĉita al la Esperanta demando. Mi havis la referaton pri Esperanto, kaj pritraktis la historion, evoluon, disvastigon, la porkongresan kaj pedagogian valorojn de Esperanto, ĝian utilon por la internacia korespondado kaj kunvivo. La ĉeestantaro aŭskultis kun ĉiam pli kaj pli granda intereso kaj fine bruege aplaŭdis. En la sekvinta debato sinjorino Isbrücker kaj s-ano Gsen efike kompletigis mian referaton, tiel ke efektive estis ne unu sed 3 paroladoj pri Esperanto. Iliaj trafaj respondoj konvinkis la lastajn skeptikulojn. Ili rikoltis grandan aplaŭdon.

Resumante la kongresprezidanto, la posedanto de la fama lernejo « Werkplaats » en Bilthoven apud Utrecht, diris : « La kongreskomitato faris ĉion eblan, elspezis multe da mono, por ke la konferenco bone sukcesu. Ni instalis parolil- kaj aŭdilaparatojn, ni konstruigis aŭdĉambrojn, en kiuj la interpretistoj tradukas. Kvankam ili perfekte scipovas la kongres-lingvojn, oni tamen ne estas kontenta kaj ne povas esti kontenta. La kaŭzo estas la multlingveco kaj la neuzado de unu sola kongreslingvo ». Plue li deklaris : « Mi decidis jam antaŭ la kongreso enkonduki Esperanton en mian lernejon ; sed ne nur la gelernantoj sed ankaŭ la instruistaro kaj mi lernos Esperanton kaj en mia lernejo oni devige instruos la helplingvon ».

La konata nederlanda eminentulo kaj universitata profesoro, D-ro J. H. *Gunning* diris al mi : « S-ro Glueck, vi konvinkis min. Via parolado klare montris, ke Esperanto estas taŭga helpo por la instruado de fremdaj lingvoj ».

La fama profesoro, D-ro J. Boeke de la universitato Utrecht diris al mi : « Mi kredas, ke vi havis grandan sukceson. Mi sekvis vian paroladon kun granda intereso ».

Multaj instruistoj estis plene da entuziasmo kaj aĉetis librojn, por jam dum la kongreso komenci la studadon de Esperanto, aliaj certigis min, ke ili instruos Esperanton al siaj lernantoj.

La « Utrechta Esperantista Rondo » aranĝis dum la kongreso belan ekspozicion. Precipe la prezidanto, s-ro Koudijs kaj la vicpr. s-ro de Beus multege laboris kaj lerte aranĝis la standon.

En la kongresejo estis enkonstruitaj apartaj ĉambroj, el kiuj oni povis vidi, sed ne aŭdi la oratorojn, parolantajn antaŭ la mikrofono. En la tradukĉambroj sidis tiuj kompatemuloj, kiuj ne scipovis la lingvon de la parolanto : tradukantoj, armitaj per aŭdiloj, devis aŭdi kaj samtempe traduki. Mi ofte kontrolis tiun komplikan tradukarton, sed pri iu vera sukceso oni ne povas paroli — la lingvaj malfacilaĵoj restis kaj ne estis privenkeblaj. Samtempe aŭdi kaj traduki estas neeble. Oni tradukis nur parton, maksimume unu kvaronon, la precizeco multe suferis. Tial oni bone komprenas, kial oni ne estis kontentaj. Finfine oni ne plu uzis la multekostan aparataron, tradukante simple la manuskriptojn, en la diversaj ĉambroj. Mi ĉeestis multajn neesperantajn kongresojn kaj ĉiam mi spertis la samon. Tion trafe akcentis ankaŭ la kongresprezidanto, dirante, ke kongresoj nur tiam povos plensukcesi, kiam oni uzos nur Esperanton, kiel la kongreslingvon por ĉiuj tradukoj. La kongresanaro tre bone perceptis tion kaj konsentis pri lia opinio.

Se la sukceso de Esperanto en ĉi tiu kongreso estis tiom granda, ni dankas tion al ĉiuj, kiuj provizis al mi taŭgan materialon, t.e. bonajn statistikojn kaj konvinkajn faktojn, kaj al la esperantaj ĵurnaloj, kiuj per siaj komunikajoj donis la plej efikan subtenon. Mankas loko por citi ĉiujn nomojn, ĉiujn niajn ĵurnalojn, kiuj bonege kunhelpis al mi. Kaj tial mi nur ĉi tie esprimas mian sinceran dankon, ĉar al ili apartenas la plej granda parto de la sukceso. Mi estas certa, ke la Utrechta Konferenco alportos grandan bonon al nia movado, ke multaj instruistoj fariĝos firmaj adeptoj de nia lingvo, ke ili aplikos ĝin por la instruado en la lernejoj. Mi precipe tial sentas min certa, ĉar s-ro Kees Boeke, la eminenta kongresprezidanto, tre lerta organizatoro kaj inter la fakuloj fame konata moderna pedagogo, fariĝis nia kunlaboranto, amiko de nia lingvo kaj certe energie daŭrigos sian laboron por nia afero. Li malfermis la obstinajn pordojn de multaj lernejoj kaj la koron de kelkiu hezitema kaj skeptika instruisto, revanta ĝis nun pri iu nedifinita lingva fantomanimo.

La Konferencn ĉeestis pli al 20 instruistoj-samideanoj.

Julius GLUECK.

## Esperanto ĉe la junularo

Post energia agado de s-roj Sirkis kaj Epstein okazis Ĉe-kursoj ĉe C.L.A.J. (Centro Laika de Junulgastejoj) en Paziro.

La kursoj estis sekvataj je ĉiam kreskanta entuziasmo kaj nun fondiĝis Esperanto-grupo.

La nove kreita Esperanto-grupo aranĝos okaze de la fino de la kurso feston la 10-an de junio kun teatraĵoj ludotaj de la freŝbakitaj esperantistoj mem, kun filmoj, dancado k.t.p.

Pri detaloj oni turnu sin al s-ro Sirkis, gvidanto de la Esperanto-grupo C.L.A.J., 6, rue de Paradis, Paris X^e^.

# Statistiko laŭlanda de la Membraro de U. E. A. en 1935

Mallongigoj : HM = Heplmembro ; MJ = Membro-Jarlibro ; MA = Membro-Abonanto ; MS = Membro-Subtenanto ; DM = Dumviva ; HM = Membro Honora ; P – Patrono ; SM = Simpla Membro.

Aktivaj Membroj

| | HM | MJ | MA | MS | DM | MH | P | Sumo | SM |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Albanio ....... | | | 1 | | | | | 1 | |
| Aŭstrujo ...... | | 10 | 19 | 1 | 1 | 2 | | 33 | |
| Belgujo........ | | 49 | 132 | 10 | 3 | 1 | 1 | 196 | 266 |
| Britujo ....... | | 260 | 190 | 60 | 33 | 4 | 8 | 555 | 1.569 |
| Bulgarujo...... | | 1 | 7 | | | | | 8 | |
| Ĉeĥoslovakujo.. | | 215 | 261 | 7 | 2 | 8 | | 493 | 250 |
| Dancigo ....... | | 4 | 1 | 1 | | 1 | | 7 | |
| Danujo ....... | | 19 | 43 | 4 | 5 | 1 | | 72 | |
| Estonujo ...... | | 10 | 8 | | 1 | | | 19 | |
| Finlando ...... | 4 | 13 | 13 | | 3 | 1 | | 34 | |
| Francujo ...... | | 354 | 256 | 19 | 28 | 12 | 2 | 671 | 3.094 |
| Germanujo .... | | 217 | 234 | 27 | 18 | 5 | 1 | 502 | 570 |
| Gibraltaro ..... | | | 1 | | | | | 1 | |
| Greklando ..... | | 4 | 9 | | 1 | 1 | | 15 | |
| Hispanujo ..... | | 62 | 71 | 4 | 7 | 2 | | 146 | 1.003 |
| Hungarujo .... | 5 | 23 | 36 | 1 | 1 | | | 66 | |
| Irlando ....... | | 6 | 1 | | | | | 7 | |
| Islando ....... | | | 1 | 1 | | | | 2 | |
| Italujo ........ | | 12 | 41 | 6 | 5 | 3 | | 67 | |
| Jugoslavujo ... | | 18 | 48 | 3 | | | | 69 | |
| Latvujo ....... | | 13 | 17 | 2 | 2 | | | 34 | |
| Liĥtenstejno ... | | | 1 | | | | | 1 | |
| Litovujo....... | | 1 | 13 | 1 | | | | 15 | |
| Monako ....... | | 7 | | | | | | 7 | |
| Nederlando .... | | 260 | 162 | 33 | 9 | 3 | 1 | 468 | 1.300 |
| Norvegujo ..... | | 3 | 9 | 1 | 3 | 1 | | 17 | |
| Polujo ........ | | 41 | 35 | 2 | 3 | 1 | 1 | 83 | |
| Portugalujo ... | | 5 | 34 | 2 | 1 | | | 42 | |
| Rumanujo .... | 1 | 38 | 21 | | 2 | | | 62 | |
| Sovet-Unio .... | | | 2 | | 3 | | | 5 | |
| Svedujo ....... | 1 | 34 | 43 | 1 | 1 | 1 | | 81 | 2.369 |
| Svislando ..... | | 50 | 61 | 10 | 15 | 4 | | 140 | 400 |
| Eŭropo ....... | 11 | 1.729 | 1.771 | 196 | 147 | 51 | 14 | 3.919 | 10.821 |
| Afriko......... | | 16 | 30 | 1 | 2 | 1 | | 50 | |
| Kanado ....... | | 4 | 8 | | 3 | | | 15 | |
| Usono ........ | 2 | 19 | 88 | 13 | 22 | 1 | | 145 | 94 |
| Centra Ameriko | | | 4 | | 2 | | | 6 | |
| Suda Ameriko . | 1 | 19 | 28 | 10 | 1 | | | 59 | 500 |
| Azio .......... | | 40 | 91 | 7 | 7 | | | 145 | 400 |
| Aŭstralio ...... | | 10 | 39 | 2 | 1 | | | 52 | |
| Nov-Zelando .. | | 4 | 19 | | 3 | | | 26 | |
| Ekster-Eŭropo . | 3 | 112 | 307 | 33 | 41 | 2 | | 498 | 994 |
| Eŭropo ....... | 11 | 1.729 | 1.771 | 196 | 147 | 51 | 14 | 3.919 | 10.821 |
| Ekster Eŭropo | 3 | 112 | 307 | 33 | 41 | 2 | | 498 | 994 |
| Stato 31.10.35 . | 14 | 1.841 | 2.078 | 229 | 188 | 53 | 14 | 4.417 | 11.815 |

Tuta membraro = 16.232.

## Esperantistoj en Hispana lernejo

Lernantoj de la lernejo « Naturo », junaj esperantistoj, deziras interŝanĝi korespondadon per poŝkartoj kun gejunuloj el diversaj landoj por praktiki Esperanton.

Ni petas esperantajn gazetojn kaj eldonejojn, ke ili bonvole sendu al ni kondiĉon kaj prezon de sia jarabono, speciale en respondkuponoj. Ni intencas aboni kelkajn el ili por pliriĉigi la enhavon de nia biblioteko esperanta.

Speciale ni petas de ĉiuj esperantaj fakoj aŭ grupoj ilian adreson, ĉar ni havas proponon por efika agado en komuna celo.

*Esperanta Fako de Escuela Natura* (Lernejo Naturo) *Barcelona* (Clot) Calle Municipio, 12, Hispanujo.

# KLARIGOJ kaj KONSILOJ

21) *S-ro G. en S.* Ni ne povas pritrakti la problemon sur ĉi tiuj kolonoj, ĉar nia revuo same kiel nia organizo estas neŭtralaj. Ni estas devigataj eviti politikajn demandojn. Ni povas nur deklari, ke en unu punkto vi ĉiukaze estas prava : la tero apartenas al ĉiuj homoj — al ĉiuj homoj sendepende de haŭtkoloro, sekso kaj raso. La nuna stato de la teknikaj sciencoj certe povus garantii al la tuta homaro plenan kontentigon de ĉiuj materiaj bezonoj. Se malgraŭ tio la plejmulto da homoj vivas tamen en kondiĉoj tute malindaj, kulpas pri tio ne nia komuna patrino, la tero, sed nur ni mem, kiuj ankoraŭ ne sukcesis racie kaj celtrafe organizi nian socian vivon.

22) *F-ino S. en C.* Ni ja ne estas juĝistoj. Ni tute ne volas esplori, ĉu vi aŭ viaj kontraŭuloj estas kulpaj pri la kvereloj kaj disputoj. Sed verdire via « raporto » tre malĝoje impresis nin. Vi deklaras vin fidela al la interna ideo de nia movado kaj sindona pacifistino. Vi estas zorgoplena pri la mondpaco kaj samtempe vi ne sukcesas starigi la pacon en propraj, tute mallarĝaj, « samideanaj » vicoj. Vi tamen ne devas opinii, ke temas pri demandoj tute malsamaj. La laboro, la batalo por la interpopola paco estas komencotaj en la plej malgrandaj homaj kolektivoj, en la familio, en amikaj rondoj, en ĉiuspecaj unuiĝoj. Akraj suferigaj vortoj, pugnoj, pafiloj kaj pafilegoj — ŝajne aferoj tute malsamaj — havas la saman psikologian bazon.

23) *S-ino A. en G.* Niaj kolonoj estas dediĉataj — kiel vi ja scias — al la Esperanto-movado. Ni ĝojis tamen ricevi vian demandon, ĉar ĝi atestas pri via konfido al ni. Ni do provos respondi al vi. Milionoj da patrinoj estas en la sama situacio kiel vi. Oni instruas manipuli la kuirfornon, la kudromaŝinon, la skribmaŝinon. Sed oni juĝas superflue instrui manipuli la plej gravan kaj la plej komplikan maŝinon — la homon... Vi devas ankoraŭ konsideri, ke la starigo de la kategorioj « homoj » kaj « infanoj » estas malĝusta. Ankaŭ infanoj estas homoj — junaj malgrandaj homoj. Vi certe trovos la ĝustan vojon, ĉar vi konscias la amplekson de la problemo kaj estas inteligenta kaj komprenema.

24) *S-ro R. en F.* Certe estas bedaŭrinde, ke ne ĉiuj personoj, kiuj studis Esperanton, restas en la movado. Sed ni ne troigu la signifon de tiu ĉi fakto. Soldatoj ankaŭ restas soldatoj nur dum mallonga tempo, tamen ili konsistigas armeon.

M. M.

## Stenografa Konkurso

Stenografa Instituto Tutmonda organizas internacian konkurson de stenografio, inter adeptoj de la sistemo Duployé-Flageul.

Tiu konkurso estas dividita en 6 sekcioj :

1. Stenografa belskribo ; 2. Metagrafa belskribo ; 3. Flua stenografado ; 4. Kartografio ; 5. Stenografaj artajoj ; 6. Stenografaj poŝtkartoj.

La konkurso restos malfermita ĝis la 15.8. 1936.

*Fluganta Skribilo* certigas, ke post mallonga lernado en broŝuro, kiu kostas nur 1 respondkuponon, ĉiuj povos facile partopreni tiun konkurson.

Por ricevi regularon senpage aŭ regularon kaj lernolibron (kontraŭ 1 fr. 50), oni sin turnu al Stenografa Instituto Tutmonda, 9 Boulevard Voltaire, Issy, Seine, Francujo.

## INTERNACIA KORESPONDADO

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0.30 ( = 1 respondkupono). La nombro de vortoj ne estas limigita. Ĉiu el mallongigoj, mulsupre indikitaj, valoras unu vorton.

**Mallongigoj :**

*c.r.:* certe respondos.
*dez.* deziras.
*f-ino:* fraŭlino.
*gaz.:* gozeto.
*intŝ.:* interŝanĝo.
*k.ĉ.l.:* kun ĉiuj landoj.
*kor.:* korespondi.
*L.:* Letero.
*p. ĉ. t.:* pri ĉiu temo.
*PI:* poŝtkarto illustrita.
*PK:* poŝtkarto.
*PM:* poŝtmarko.
*s-ino:* sinjorino.
*s-ro:* sinjoro.

*Amsterdam* (Nederlando). S-ro N. Zilver, Damrak 95, PM.

*Sabugal* (Portugalujo) S-ro Bigotte d'Almeida, studento, intŝ. PM.

*Sangalhos* (Portugalujo) S-ro Seabra Denis, medicinoscienca studento junulo, dez. intŝ. L, fotajojn k.t.p., kĉl. C.r.

*Narva* (Estonio) Linda Landsberg, Paemuru 14, estonino, de la belega Baltikmara bordo, dez. kor. k.ĉ.l.

*Letovice* 41 (Ĉeĥoslovakio) S-ro J. Herdin, PI, PM (akceptas ankaŭ ordinarajn) k.ĉ.l, C.r.

*Breclav II* (Ĉeĥoslovakio). S-ro A. Stratil, Delegito de UEA, Brnenská 1949, dez. intŝ. PK, PM, L, kĉl., prefere per aerpoŝto. Respondas ĉiam.

*Lanzhot* 663 (Ĉeĥoslovakio). S-ro Fran Svačina dez. kor. kun gesamideanoj ĉiulandaj pri temo « vivo-morto, animo-korpo kaj eterna vivo ».

*Znojmo* (Ĉeĥoslovakio). M-ro fram. Francisko Höfert jurnalisto, Otakarova ul. 2, dez. kor. k.ĉ.l. kaj p.ĉ.t.

*Humpolec* 595 (Ĉeĥoslovakio). S-ro Jozef Krebs, oficisto dez. kor., intŝ. P.I., P.M. kaj gaz.

*Sao Paulo* (Brazilo) S-ro Jozefo Cervos Batalla, Caixa postal 42. Vila Abernessia, dez. intŝ. P.I.

*Agramunt* (Lleida) (Katal.-Hispanujo). S-ro Jaume Ros Serra, str. Av. Marià Jalonch 7, dez. vigle korespondadi kun la tuta mondo, per PI kaj L kaj intŝ. PM. Respondo garantiata.

*Barcelona* (Hispanujo). S-ro Rafael Sorolla, str. Torrente Vidalet 13, 1°. Dez. intŝ. PM ĉiulande, 100 kontraŭ 100 aŭ bazo Yvert. Respondo garantiata.

*Barcelona* (Hispanujo). S-ro Josep Görriz, str. Pasatge Rovira 11 dez. kor. per PI, k.ĉ.l.

*Barcelona* (Hispanujo). S-ro Santiago Augé, str. Riera Sant Miquel 19, dez. kor. k.ĉ.l.

*Berlin* 0.112 (Germanujo). K. Gumz, Studento, Wuhlichstr. 31, dez. kor. kun gefrancoj (Parizo).

*Sandarme* (Svedujo). R. Stridell, Box 1082, instruisto, 33 jara, volonte kor. kun gekolegoj.

*Hvammstanga* (Islando). John P. Thorsteinsson, intŝ. L. kaj PK. kun ĉiulandaj gesamideanoj. Mi ankaŭ vendas islandajn poŝtmarkojn tre malofte konatajn.

*Rugsted ĉe Vejle* (Danujo). Herluf Nielsen, dana terkulturisto kor. kun ĉiu- landaj samideanoj pri ĉiuj temoj. Resp. ĉiam garantiata.

*Grünwald a.N.* (Ĉeĥoslovakio). Franz Erben, Hochstr. 270, intŝ. 100 PM kun ĉiuj landoj.

*Château-Thierry* (Aisne, Francujo). F. Coadou, rue Jules-Maciet, Geinstruistoj dez. kor. kun eksterlandanoj, precipe hispanoj

*Wien X* (Aŭstrio). Johann Bronec, Bürgergasse 9, intŝ. PI kun ĉeĥoj el Prag kaj Brüx (kaj ĉirkaŭajo).

*Middelburg* (Nederlando). S-ino W. E. Poldermann Wagenaarstraat D. 93 dez. kor. per PK.

*Ajaccio* (Korsiko, Francujo). — Jacques Kucera, 12 bis, Cours Grandval, intŝ. PI.

*Tirnovo* (Bulgario). — Ivan Valĉanov, gimnazia instruisto, serĉas por siaj 50 lernantoj korespondantojn

Rumana Esperantista Societo, Str. Dr. Istrati 10, Bukureŝto (Rumanujo) — aranĝas baldaŭan publikan ekspozicion. Taŭga materialo urĝe bezonata. Al helpemaj sendintoj antaŭan dankon kaj promeson pri rekompenca respondo.

Tojama Esp.-Societo. P.O. Kesto 28, Tojama (Japanujo) — Sendu al ni ilustritajn afiŝojn kun esp. klarigo dorse, per kiuj ni okazigos ekspozicieton. Al tiuj kiuj bonvolas helpi nian deziron, ni dankos per glumarkoj.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. 406-5-36.